Año IX (N.° 98)

Núm. 2

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

FEBRERO
1957
PELAYO, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## LA VERDAD SE ABRE CAMINO

**Para los esperantistas, era cosa corriente la lectura de juicios despectivos y zahirientes, por parte de personas ignorantes de lo que es el Esperanto y el movimiento esperantista. Sin embargo, poco a poco, se van haciendo menos frecuentes tales diatribas, que tan mal parado dejaban el prestigio de quienes las emitían.**

**La altura moral de los postulados esperantistas y el conocimiento de las realizaciones prácticas del idioma auxiliar van ilustrando a todos, acerca de esta perfecta solución del caos idiomático mundial. Y que ello es así nos lo ha demostrado, recientemente, la aparición en la revista DOCUMENTA, editada por la Dirección General de Prensa, de un metódico estudio, que ocupa diecisiete de las veinte páginas de que consta, sobre el Esperanto y su extensión en España.**

**Se tratan en él, con suficiente documentación, los orígenes del idioma de Zamenhof, su progresión, los congresos internacionales, la extensa red de delegados en todo el mundo, sus triunfos en la Sociedad de Naciones, en la ONU y en la UNESCO, la importancia cultural de sus múltiples publicaciones, así como la repetición ininterrumpida de la Universidad Veraniega, única auténticamente internacional en su profesorado y en su auditorio. También estudia las relaciones entre la Iglesia Católica y la doctrina idiomática esperantista, así como la tenaz campaña de información llevada a cabo, durante casi diez años, por nuestra Federación cuya laboriosa organización y múltiples actividades detalla minuciosamente.**

**Esta revista se edita para la más amplia información, sobre temas de interés general, en periódicos, revistas, emisoras de radio y centros oficiales. La dedicación de casi un número entero al Esperanto y su movimiento, demuestra la importancia cultural e informativa que representa en nuestro país. Para nosotros, los esperantistas, esto significa un estado de consideración oficial por parte de la Prensa, que desde hoy no podrá ya ignorar o confundir nada referente al Esperanto, que hoy, mañana y siempre, marchará seguro por el recto camino de la cultura.**

**Las opiniones adversas y las muecas conmiserativas han procedido, siempre, de quienes sin previo análisis se han dejado guiar por impresiones subjetivas, prejuicios sin base seria o consideraciones personales, cuando no maliciosas.**

**Por eso, la aparición en DOCUMENTA de un estudio concienzudo y objetivo sobre el Esperanto abre, para los esperantistas, un jubiloso periodo de seria consideración, que quisiéramos fuese extensivo a todas las naciones, pues en todo el mundo precisa difundirse la verdad de nuestro noble postulado, como base muy necesaria para crear en la tierra un adecuado clima de paz y comprensión.**

## La forto de propra konvinko kreas forton por konvinki!

**Tial, se por efike konvinki, ni devas oferi ankoraŭ pli da tempo aŭ pli da energio, ni faru tion senhezite —kun ĝaja kaj plena konscio!— precipe nun, kiam nia vero komencas jam esti afero ne nur nia...**

# HISPANA KRONIKO

**BARCELONO.** La aktiva Grupo «Stelo de Paco», de la kooperativo de manteksistoj, okaze de la Zamenhof-tago, aranĝis sian duan artan festivalon, en kiu sub la kompetenta gvido de la rondo «Arta Taĉmento» estis prezentataj belaj teatraĵoj en hispana, kataluna kaj esperanta lingvoj, kun perfekta ludado fare de amatoraj aktoroj. Krom tio, la infana grupo de kultura asocio «La Orquídea» prezentis alegorion kaj ĥore kantis kanzonon, kiun el la kataluna tradukis en Esperanton nia fervora samideano Pablo Claramunt, Prezidanto de «Stelo de Paco», kiu ankaŭ malfermis la feston per belaj enkondukaj vortoj. La tuta aranĝo do estis plena sukceso!

**CASTELLAR DEL VALLES.** En la societo «Ateneo Castellarense» de ĉi tiu urbeto, la Esperanto-Grupo de Sabadell aranĝis poresperantajn prelegojn la 25-an de pasinta Decembro, fare de D-ro Mariano Solá, Vic-prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, kaj profesoro Delfí Dalmau, ĉefdelegito de U. E. A. en Hispanio. D-ro Casanovas, prezidanto de la nomita Ateneo, prezentis la oratorojn. Li estis membro de la iama tiea Esperanto-Grupo «Pacaj Batalantoj». S-roj Solá kaj Dalmau, kun elokvento kaj kompetento, sukcesis prepari la terenon por oportuntempe starigi kurson en tiu someruma urbeto, distanca sep kilometrojn de Sabadell.

**SABADELL.** Kiel ĉiujare, dum Kristnasko, okazis en Ekskursa Societo «Tierra y Mar» Esperanto-ekspozicio, koincide kun la tradiciaj «Pessebre» kaj prezentado de oportunaj verkoj en amatora fotokonkurso de la nomita Societo.

IMITINDA EKZEMPLO estas tiu de S-ro Jaime Miró, de Barcelono. Jam 63-aĝa, sed fervora samideano, li estas Vic-prezidanto de Grupo «Aŭroro» kaj tre diligenta membro; ĉiudimanĉe li iras al apuda vilaĝeto Santa Coloma de Gramanet por klarigi dum du horoj la doktrinon de nia Majstro. En la pasinta aŭtuno. ankaŭ ĉiudimanĉe, li veturis al Vilafranca de Panadés, malproksima 50 kilometrojn el Barcelono, por klarigi kurson kun sukcesa fino, ĉar nun lerta lernanto jam kapablas gvidi kaj daŭrigi ĝin. Eĉ dum la somera libertempo, S-ro Miró kuraĝe laboris por Esperanto. En vilaĝo de Lérida, li klopodis esti prezentata al tiea ĉefinstruisto kun tia sukceso, ke tuj okazis kurso klarigita al du instruistoj kaj du instruistinoj. La kurson ankaŭ partoprenis du aliaj instruistinoj, kiuj feriis en la vilaĝo. Jen do, ekzemplo, tiu de S-ro Jaime Miró, kiu meritas longan vicon da sekvantoj por disvastigi nian lingvon tra la tuta lando.

**FUNEBRO EN LA KORO PRO LA FORPASO DE TRI VALORAJ KAJ BONAJ AMIKOJ**

La hispana esperantistaro funebras! La jaro komenciĝis forprenante el niaj vicoj du valorajn elementojn: Johano Chaler, el Tarrasa, kaj Emilio Prades, el Valencio, jam ne plu estas korpe inter ni. Junaj, bonaj, simpatiaj kaj, cetere, kompetentaj samideanoj, ĉiam sindoneme pretaj oferi sin por Esperanto kaj por la esperantistoj, tiaj ili estis. La senkompata Morto forrabis ilin; sed, ilia animo, ilia spirito, ilia fervoro --kiel plej delikata esenco-- restos daŭre inter ni, por kuraĝigi nin en nia nobla strebado, kiu tiel funde donis karakterizan signon kaj konkretan celon en la daŭro de iliaj vivoj.

Al ambaŭ ĉagrenoplenaj familioj, al ambaŭ samideanaj rondoj en Tarrasa kaj Valencio, ni esprimas la profundan kondolencon de la tuta hispana esperantistaro. Kaj, speciale, al la maljuna veterano Sebastián Chaler, malĝoja patro, kaj al la kompatinda vidvino kaj gefiletoj de Emilio Prades, ni esprimas kun klinita kapo sinceran senton de profunda kondolenco.

Lasthore, ni jus ankaŭ ekscias pri la tute neatendita forpaso de alia kara samideano: Samuel Roca Rodó. Dum multaj jaroj li batalis senlace. Li estis populare konata en niaj kongresoj, kiel kapabla kaj justa gvidanto en la oficialaj ekzamenoj, en kiuj brilis lia profesia sperto de unuaranga instruisto. Neniu el ni povis imagi, nur antaŭ kelkaj semajnoj, ke ne plu jam ni povos vidi lin denove... Kun la atesto de nia kondolo, ni esperas, ke lia vidvino kaj gefamilianoj trovos la sufiĉan rezignacion por elteni la kruelan baton.

Ke la animoj de la tri forpasintaj kamaradoj ripozu en paco. Ni ĉiuj, iliaj fidelaj samideanoj, klopodos imiti ilin por inde kaj digne omaĝi ilian memoron.

**Estraro de Hispana Esperanto - Federacio**

DE LEGADO SEN ATENTO NE RIĈIĜAS LA PRUDENTO. El la Proverbaro de D-ro ZAMENHOF



Sur la vojo de *jam mi iros*, oni venas al la domo de *S-ro Neniam*.

CERVANTES

*La lupo dependas de la ŝafo; kaj la ŝafo dependas de la herbo.*

PAUL VALERY

## ANTAÚSIGNOJ

Multaj personoj kredas ankoraŭ je la efiko de antaŭsignoj, malgraŭ tio, ke la progreso iom post iom forpelas ĉiujn formojn de superstiĉo, kiuj ankoraŭ restas.

Nu, kiel kuriozaĵo, jen kelkaj ekzemploj de plej popularaj antaŭsignoj: Trovi ŝlosilon signifas senduban sukceson. Se papilio eniras en la domon, tio estas indiko, ke oni baldaŭ ricevos bonajn sciigojn. Renversi la salujon kaj ŝuti la salon anoncas malfeliĉon. Vidi araneon, matene, aŭguras malĝojon; tagmeze, maltrankviliĝon; vespere, esperon. Kvarfolia trifolio estas emblemo de bona sorto. Birdo ĉe la fenestro anoncas agrablan viziton; blanka aŭ nigra kato, subite rigardata, signifas ĝojan surprizon. Pigo, malhelpaĵon. Rompita spegulo, ĉagrenon. Kantanta kukolo, riĉecon. Kaj, fine, rompiĝinta terpoto, baldaŭan geedziĝon, pli aŭ malpli bonŝance...

Kuracisto agonias kaj liaj familianoj intencas englutigi al li medikamenton.

—Lasu min morti pro natura morto!— diris filozofeme la mortanta kuracisto.

Kuracisto esploris artritismon ĉe maljunulino, kiu ekploris. Rigardante ŝiajn abundajn larmojn, la doktoro diris flegme:

—Sinjorino ne ploru! Mi jam diris tre ofte, ke la malsekeco malutilas al vi...

## SFINKSA ANGULETO

### LERNANTOJ KUN PREMIO

Instruisto havas en sama nombro malgrandan provizon da krajonoj kaj plumoj. Li premias kelkajn lernantojn, donante al ili po unu krajonon kaj tri plumojn. Post la disdono, restas en la provizo 14 krajonoj kaj 2 plumoj. Kiom da lernantoj ricevis premion kaj kiom da krajonoj kaj plumoj la instruisto havis komence?

Ni akceptos solvojn ĝis 15. Marto. Ĉiu sendinto de ĝusta solvo gajnos du poentojn.

### SOLVO DE LA MISTERA KVADRATO EN LA PASINTA NUMERO

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | ✲ | ✲ | ✲ | ✲ | |
| ✲ | | ✲ | ✲ | | ✲ |
| ✲ | ✲ | | | ✲ | ✲ |
| ✲ | ✲ | | | ✲ | ✲ |
| ✲ | | ✲ | ✲ | | ✲ |
| | ✲ | ✲ | ✲ | ✲ | |

En Timbuktu, regiono de Sudano, dum epokoj, renkontiĝas pli ol 100.000 cikonioj

Heliko, eĉ el la plej vulgara speco, posedas dek-kvar milojn da dentoj.

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

La unua okcidenta libro, kiun la japanoj iam tradukis, estis «Tafel Anatomia», verko de la holanda doktoro Kulmus. Kelkaj junuloj kunsidadis por la laboro ĝin traduki. Sed ili nur gapadis al ĝi senscie kion fari, kvazaŭ veturi oceanon per ŝipo sen remilo kaj sen direktilo.

El artikolo de la konata publicisto Teruo Mikami, en la japana revuo «Oomoto».

### TRADUKO

**El primer libro occidental, que los japoneses un buen dia tradujeron, fué «Tafel Anatomia», obra del doctor holandés Kulmus. Varios jóvenes se reunían para el trabajo de traducirlo. Pero quedaban boquiabiertos ante eso, sin saber qué hacer, como si se tratase de atravesar el océano en un buque sin remos y sin timón.**

De un artículo del conocido publicista Teruo Mikami, en la revista japonesa «Oomoto».



# MADRIDO

Madrido, nia nunjara kongresurbo, estis tute sengrava vilaĝo ĝis la XVI[a] jarcento; nun ĝi preskaŭ atingas du milionojn da loĝantoj kaj estas konsiderata kiel unu el la plej malnovaj loĝejoj de homo. La elfosadoj faritaj en la valo de la rivero Manzanares --la plej riĉa prahistoria restaĵejo el la mondo-- montras nekontesteble, ke la madrida regiono havis sufiĉe densan loĝantaron dum la paleolitika, neolitika kaj bronza epokoj. Tial, kelkaj scienculoj nomas ĝin «ĉefurbo de la paleolitika mondo», pro la abundo de elfositaj ilaroj el tiu tempo. Dum la Antikva kaj Meza Epokoj, nia urbo estis simpla vilaĝo. Neniu grava monumento tiutempa ekzistas en Madrido. Mankas al nia urbo tiaj kolosaj konstruaĵoj romanikaj, gotikaj aŭ arabaj pri kiuj tute prave fieras aliaj hispanaj urboj.

Madrido fariĝis hispana ĉefurbo dum la regado de Filipo, la II[a], en la jaro 1561, sed ĝi konservis sian vilaĝecan aspekton ĝis la reĝo Karolo, la III[a], meze de la XVIII[a] jarcento, donis al ĝia disvolviĝo definitivan impulson. Dum la lastaj jaroj, Madrido kreskegis. Novaj gigantaj domoj kaj larĝaj avenuoj, vastaj placoj kaj elegantaj parkoj estas febre konstruataj; kaj la urbo nun senhalte progresas, ĝis rango de grava metropolo.

Niaj kongresanoj havos la eblecon admiri la ĉefajn allogaĵojn de Madrido. Kompreneble, sufiĉan tempon oni dediĉos al la plej valora juvelo de nia urbo, la Prado-Muzeo, kiu enhavas mirinde riĉegan kolekton da pentraĵoj. Ĝi kaj la pariza Louvre estas konsiderataj kiel la du plej gravaj pentraĵ-muzeoj el la mondo. Tie oni povas admiri la majstroverkojn de Velazquez, Goya, Greco, Murillo, Rubens, Van Dyck, Tintoretto, Tiziano, Veronese kaj aliaj famaj pentristoj. Pli ol du mil pentraĵoj, krom skulptaĵoj kaj desegnaĵoj --inter ili la mondfamaj «kapricoj» de Goya-- troviĝas en la Prado-Muzeo.

Kongresaninoj speciale ŝatos la viziton al la luksaj kosmopolitaj magazenoj, en la centraj avenuoj, kaj ĉiuj ĝuos la monumentajn urbajn panoramojn de la Prado-Promenejo, rava ĝardeno, kun majestaj fontanoj, la Alcalá-Strato, la Placo de Hispanio --kun la monumento al Cervantes kaj du modernegaj nubskrapuloj, nomataj «Domo Hispanio» kaj «Turo de Madrido»--, la grandioza panoramo de la Universitata Urbo k. t. p.

Madrido atendas vin. Neforgesebla travivaĵo estos via vizito, okaze de nia 18[a] Kongreso. Oni kutime diras, parolante pri la bonaj ecoj de nia urbo: De Madrido, al la Cielo...

Juĝu tion, vi mem!

DARIO RODRIGUEZ

## 18[a] HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRIDO - 23 - 28 JULIO 1957

**Oficialaj adresoj: Costa Rica, 20 - bajo A aú Apartado 19.029 - MADRID**

La Organiza Komitato studas kaj planas interesajn aranĝojn, kiuj certe kontribuos al la brilo kaj sukceso de nia nacia renkontiĝo en la ĉefurbo de la lando. Estas en prilaboro tre bela kaj arta metala insigno, kiun ĉiu kongresano fiere portos kaj ĵaluze gardos kiel veran juvelon. Oni demarŝas por ke la laborkunsidoj okazu en la moderna Sindikata Domo, kie vastaj salonoj ebligos oportunan sidejon. Kiel kutime, la kongresanaro estos akceptata de la urbestro en la Urbodomo.

La oficiala ekskurso estos vizito al la fama Monaĥejo de El Escorial; krom tio, ankaŭ oni studas la eblon fari postkongresajn ekskursojn al Toledo, Aranjuez kaj Segovia, kio garantias al ĉiuj gekongresanoj agrablajn distrojn, en samideana atmosfero. Tamen, por stimuli kaj helpi la klopodojn de la komitatanoj, aliĝu jam! ĉar aliĝilo kun via nomo estos instigo por plivigligi la ritmon de la preparlaboroj! Glumarkoj, poŝtkartoj kaj afiŝoj aperos oportuntempe. Oni ankaŭ ricevos la kutiman rabaton por la fervojo. Apartajn detalojn petu al la oficialaj adresoj.

Monon oni sendu nur per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto»

**General Mola, 277 — Banco de Aragón — MADRID**

---

## GRAVA INFORMO PRI ESPERANTO EN OFICIALA REGISTARA HISPANA GAZETO

En la revuo DOCUMENTA, aperinta en Madrido, eldonaĵo de la Ĝenerala Gazetara Direkcio, fako de la Ministerio por Informado kaj Turismo, en ĝia kajero n.° 1431, kun dato 27. Decembro 1956 aperis tre favora kaj ege ampleksa raporto pri Esperanto, kun informo pri nia Federacio.



# PRI LA «SAUNA» EN FINNLANDO

La *sauna* aŭ finna banmaniero estas tre malnova, pli malnova ol ia historio povas rakonti. Ankoraŭ nun en la vilaĝoj, preskaŭ en ĉiu domo, troviĝas *sauna*-konstruaĵo, kie ĉiuj loĝantoj komplete sin lavas ĉiusemajne, aŭ pli ofte. La primitiva *sauna* estas malgranda ĉambro kun simpla forno, sen fumtubo, meze de ŝtonamaso, apud angulo. Tute najbare, ĉe la muro, estas alta planko aŭ speco de larĝa bretaro. Sur la forno kuŝas poto por varmigi akvon. En la forno brulas ligno, la fumo eliras tra la pordo aŭ tra ligna tubo ĉe la tegmento. Kiam forbrulis sufiĉe da ligno kaj la flamoj estingiĝis, tiam la *sauna* jam estas preta por akcepti la banantojn. Ili venas en la ĉambron tute nudaj, portante vergaĵon faritan el branĉoj de betulo. Kompreneble, tiuj branĉoj devas havi foliojn. La banantoj ĵetas akvon sur la varmegajn ŝtonojn de la forno, kio kaŭzas tuj vaporon kaj varmegon; oni rapide saltas sur la bretaron kaj vigle batas sian korpon per la vergaĵo, por pliigi la varmigan reagon. Ŝvito komencas elflui; kaj la poroj de la haŭto malfermiĝas. Post momento, la banantoj malsupreniras kaj lavas sin normale, per sapo kaj varmeta akvo. La varmo sur la bretaro povas esti de 75 ĝis 100 gradoj; eĉ foje okazas, ke kelkaj viroj konkuras inter si pri eltenebleco de pli da varmo...

En la urboj estas modernaj instalaĵoj, kun grandaj apartaj partoj, por viroj kaj por virinoj. Sed ankaŭ tie estas privataj ejoj, kie edzo kaj edzino --aŭ tuta familio-- povas kune sin bani; aŭ unuopuloj, kiuj ne ŝatas la kolektivan manieron. Mi vizitas ĉiusemajne la publikan *sauna*-banejon; tie mi baniĝas kun kelkaj dekoj da viroj samtempe. Jen do la procedo: Unue, oni iras al la vestoĉambro, kie estas ŝrankoj por la vestaĵoj. De tiu ĉambro, oni iras rekte al la *sauna*, kie jam multaj viroj sin batas per la betulvergaĵo, kiun mi ordinare ne uzas. Subite, iu ĵetas akvon sur la ŝtonojn kaj ekiĝas varmego. Tamen, neniu diras, ke estas tro varme, ĉar neniu volas konfesi, ke la haŭto plendas pro la forta varmo. Sed, kiu ne uzas la vergaĵon --kiel mi-- tiu toleras pli da varmego kaj povas sidi pli bone, eĉ meze de alta temperaturo. Post ŝvitado, oni iras en lav-ĉambron, kie servistinoj --kun longaj blankaj roboj-- atendas por lavi tiujn, kiuj ne volas mem tion fari. Tiaokaze, la lavota persono bezonas nur kuŝi sur benko kaj oportune sin turni dorse kaj bruste, laŭ ordono de la lavistino, kiu zorge kaj sperte sapumas kaj lavas.

Generale, eksterlandanoj enirantaj unuafoje en *sauna* sentas ĝenon pro interveno de tiaj virinoj, ĉar ne estas kutimo ĉi tie sin kovri iel ajn antaŭ ili. En mia lando, oni konsideras tute nature, ke tiun lavlaboron faras virinoj. Oni ne povas eĉ pensi, ke viro lavus viron. Pro tio nur virinoj servas en la banejoj; oni konsideras, cetere, ke tiuj virinoj --mezaĝaj virinoj-- kiuj tie laboras, estas kvazaŭ senseksaj. Tiel multe ili kutimiĝis al sia laboro kun viroj, ke ili vidas nenion eksterordinaran en tio, ke viro kuŝas tute nuda antaŭ virino, por ĝui la agrablan senton, kiun donas la *sauna*. Tia estas do en Finnlando la plej karakteriza kaj vere populara maniero purigi la korpon, post semajna laborado. Oni diras, ke la betula vergaĵo havas sanigan efikon kaj ke, pere de ĝi, oni povas direkti varmon al diversaj korpopartoj, precipe se bananto suferas reŭmatismon.

Aldone kaj fine mi diru, ke en la virina parto de la banejo, kompreneble, ankaŭ estas virinoj, kiuj plenumas la lavadon, ĉar kiel dirite la lavlaboron oni konsideras ekskluzivan taskon por virinoj. En konkludo, la *sauna* estas loko de pureco, ne nur korpa sed ankaŭ spirita, kaj tiu ĵus priskribita banmaniero havas profundajn radikojn en la animo de la finna popolo, kio tre bone efikis kaj efikas en la sano kaj forto de mia lando.

**Y. KUORIKOSKI**
**Hameentie 1 E 42, Helsinki (Finnlando)**

**Noto de la Redakcio.—Plezure kaj tre volonte, ni akceptos por oportuna aperigo tiujn fragmentojn, kiujn, el la leteroj de siaj eksterlandaj korespondantoj, la abonantoj de nia bulteno konsideros sufiĉe interesaj por la tuta legantaro.**

**Tra la internacia korespondado delikate vibras honesta intimeco de popolo**




**EZOPA SAĜO** — Sepdek-sep fabloj verse reverkitaj de K. Kalocsay. kun 29 satiraj vinjetoj de B. Hamberg. Eldono de Komuna Konversacia Klubo. 127 paĝoj, 13 x 21 cm. Prezo: 55 pesetoj. Havebla ĉe la hispana Libro-Servo.

Unufoje ankoraŭ, la nobla matureco de la Princo de nia Verda Parnaso regalis nin pere de leginda volumo de poemoj.

Tiu, kiu ankoraŭ dubetas, ĉu Esperanto taŭgas sufiĉe bone por esprimi altajn pensojn, delikatajn nuancojn de la homa sento, en harmonia beleco, laŭ arto de versfarado, legu kaj admiru la kolekton da fabloj de Ezopo, kiujn sub la nomo de «Ezopa Saĝo» tradukis al Esperanto nia genia poeto K. Kalocsay. Ne nur estas natura ĝojo por esperantista leganto, kiu legas plezure libron, tial ke ĝia enhavo estas verkita en nia kara internacia lingvo. Kiam la libro enhavas tiel altan valoron, kiel «Ezopa Saĝo», la ĝojo de la leganto havas plenan motivon por esti atingita de pura entuziasmo. Tuj, jam en la komenco, mi legis avide la interesan historion pri la vivo de malfeliĉa Ezopo, ankaŭ versfarite de la tradukinto. Oni komprenas bonege, ke Kalocsay, pli ol simpla verkisto, estas eminenta poeto, kiu kun granda amo pritraktas la travivadon de tiu senmorta fablisto. La volumo konsistas el 77 fabloj, reverkitaj en diversa poezia metro, kun klara esprimo de konceptoj, kiu invitas relegi ilin plezure.

Traduki poezion estas ĉiam malfacila laboro pro tio, ke la versoj ofte rezultas aŭ bele, sed ne fidele aŭ fidele sed ne bele tradukitaj. K. Kalocsay scias bonege, kion li volas verki; kaj por esprimi sian penson li ĉiam trovas la koncizan frazon, la trafan vorton kun tre klara kompreno por la leganto. Oni legas kaj relegas kiun ajn fablon el «Ezopa Saĝo» kun la sama ŝato. Jen unu:

LA AZENO KAJ LA GRILOJ

*—La azeno aŭdis grilojn,*
*tre plezuris, kaj eĉ volis*
*mem imiti ties trilojn,*
*tiam ilin alparolis:*
*«Griloj de muziko kara*
*kian manĝon do vi manĝas,*
*ke ĝi vian voĉon ŝanĝas*
*tiel bela, tiel klara?—*
*«Roson -- lin respondis ili.*
*Ĝi, por povi same trili,*
*roson manĝis de ĉi dato,*
*baldaŭ mortis de malsato.*

Konstatu kian simplan kaj klaran belsonecon ni trovas en tiu fablo. Alta merito de l'aŭtoro, sed ankaŭ alta merito de la tradukinto.

Inter 77 fabloj, kompreneble, ni povas trovi belajn, tre belajn kaj graciajn pecojn, sed neniu sen vera merito. Jen alia:

LA LANGO KAJ LA MANO

*Rifuĝis vulpo: Pelis ĝin ĉasisto kun armilo.*
*Liknohakiston trovis ĝi, lin petis pri azilo,*
*kaj li en tendo kaŝis ĝin, Tuj poste alrapidis*
*kaj kriis la ĉasisto: «Hom'! Ĉu vulpon vi ne vidis?»*
*La homo neis per parol', sed montris per mangesto*
*la lokon, kie kaŝis sin la rifuĝanta besto.*
*La vorton kredis la ĉasist', la geston ne komprenis,*
*plu kuris do. El la kaŝej'la vulpo nun elvenis*
*kaj paŝis for silente. «Ej! --la homo diris-- strange!*
*Mi savis vian vivon, kaj vi iras for sendanke!»*
*Respondis tiam lin la vulp': «Mi dankus plej distinge,*
*se via man' kaj via lang' parolus samalingve».*

Pere de dekdu versoj, oni ne povas pritrakti pli elokvente tian aplaŭdindan fablon. Neeble analizi tiom da poemoj en malmulte da spaco, kiun mi povas okupi por simpla recenzo.

Sed, antaŭ ol fini jen alia elektita fablo

LA LUPO KAJ LA ŜAFIDO

*Riveron saman lupo kaj ŝafido sub*
*la pelo de soif' aliris, kaj la lup'*
*pli supre staris, pli malsupre la ŝafid'.*
*La lupo ataki kaŭzon serĉis kun avid'.*
*«He, kial mian akvon miksas vi kun ŝim'?—*
*«Kiel mi povus? —diris tiu kun ega tim'.*
*De vi ja venas al mi la rivera flu'».*
*Tro forta vero! Necesis kaŭzon serĉi plu.*
*«Vi antaŭ duonjaro ĉikanis akre min!»*
*«Ne naskis tiam min ankoraŭ la patrin'».*
*«Diablon! Via patro ĉikanis do sen dub'».*
*Kaj, senkulpulon, kaptis, manĝis ĝin la lup'.*

Je la fino de la libro oni trovas instruan komentarion, kvazaŭ duan prologon, kun trafaj rimarkoj, tre interesaj ĉiuj. Tri paĝoj da NOTOJ kaj fina GLOSARO plenigas fruktodone la riĉan enhavon de EZOPA SAĜO.

La volumo estas ornamita de graciaj vinjetoj.

**F. VILÁ**, Barcelono.

**ESEOJ - I. BELETRO,** de Gaston Waringhien, originale verkita en Esperanto. Kovrilo de Jhon Hartley. Aŭtorfoto de Lorelle. Prezo: 70 pesetoj Eldonisto: J. Régulo. La Laguna (Kanariaj Insuloj)

Sur mia tablo, dika, eleganta libro. La aŭtoro kaj la eldono ja anoncas ke ĝi estas unuaranga verko kaj la legado pli kaj pli konvinkas. Eseo estas ne nova literatura speco. Se ni ne konsideras tiaj kelkajn Ciceronajn verkojn, almenaŭ la kreinto de la ĝenro, la domdoninto, la franco Montaigne, estas XVI-jarcenta kaj la unua hispana eseo-verkisto, Gerónimo Feijoo, vivis unu jarcenton poste. Tamen en E. Literaturo, tiu estas la unua verko malfermanta vastan fruktodonan pejzaĝon al la verkistoj. Efektive, la unua parto «Sur la Marĝeno de....» konsistas el 7 eseoj -mi diru de Universitata staturo-- ĉiuj gravaj, ĉiuj belaj, ĉiuj interesaj. La V-a --sur «Eterna Bukedo»-- atakas la problemon de la tradukado. Se oni povus ordoni, ke ĉiu tradukisto parkere lernu ĝin, multe profitus kaj la tradukantoj kaj la tradukaĵoj kaj la legantoj.

La dua prezentas al ni, per trafaj trajtoj, kvin eminentulojn; kaj, en la tria, denove ok literaturajn studojn, kie Prof. Waringhien montras sian vere profundan konon pri la tutmonda literaturo kaj la fremdaj lingvoj. Cetere, ni, hispanoj, notu kiel ĝisfunde li konas nian verkaron kaj kiel lerte kaj perfekte li tradukis la hispanajn pecojn entenatajn en la libro. Ne nur sciemaj, utilaj ili estas, sed ankaŭ allogaj, belaj, ĝuplenaj. Oni plezure legas ilin senhalte.

Kiel grava povas esti por la beletraj studoj-- legu bone, ne nur beletra plezuro, sed beletra studo!-- la internacia lingvo, mi ja persone spertis, ĉar dufoje hazarde, per E. mi trovis en fremdaj literaturoj, parencojn, praulojn, de ĉefaj hispanaj literaturaĵoj (*). Se tion mi trovis nevole kalkulu kiom da eltrovaĵoj, kiom da historiaj fontoj povas elfosi literaturisto kia Profesoro Waringhien.

Kion diri pri la lingvo? Prof. W. ja estas Akademiano kaj (kun K. Kalocsay) patro de la neologismoj. Kiam li uzas iun vorton, li certe scias kiel kaj kial ĝin uzi. Estus ĉe mi --malgranda vermo en la literatura ĝardeno-- troa kuraĝo pridiskuti tiun aferon. Sed, ĉar pri ŝato oni estas libera, mi nur notos kelkajn frazojn kaj vortojn, kiuj altiris mian atenton.

Mi ŝatas: *Lia Ekzilo Anglion* (paĝ. 28) *disde, sentiva. kun sama majstreco* KIEL *sian gepatran* (p. 89) *Hodi' Hier?* (en poezio).

Sed *kompanio* rememoras al mi varojn, havenojn, fumantajn kamentubojn, kaj ne la *akompanon* aŭ *kunvojaĝon* de grandaj kaj gloraj poetoj kun Dante.

Alia vorto al mi ne simpatia estas *rimorso.* Kial ne *remordo?* Hispane kaj france, la koncerna vorto devenas el la verbo *mordi* kaj la prefikso *re,* ĉar la konscienco *mordas* kaj *denove mordas* la kulpinton. Ĉu ne estas tiu metafora vorto pli trafa ol tiu *morso,* nenion elvokanta, kaj tiu kvazaŭa prefikso *ri?* Sed, multe ja mi babiladis; nun decas fini, koncize mi resumos: grava verko, riĉa lingvo, bela prezentado.

**A. NUÑEZ DUBUS**

(*) Nome: «Margarita la Tornera», de Zorrilla, devenas el Flandra legendo «Beatrix«. «La Abato kaj la Kuiristo», de Timoneda, ankaŭ estas tute parenca al Hungara popola rakonto.

---

BROŜUROJ KAJ PROSPEKTOJ PRI TURISMO

KORAN BONVENON EN STUTTGART! 4-paĝa faldprospekto ilustrita. Havebla ĉe: Verkehrsbüro, Bahnhofplatz 1. Stuttgart (Germanio).

MILANO. Urboplano kun priskribo en Esperanto. Senpage havebla ĉe E. P. T., Via Case Rotte 3, Milano (Italio).

CREMONA. 12-paĝa broŝuro pri la fama internacia lernejo por violonfabrikado. Havebla ĉe Ente Provinciale Turismo, Cremona (Italio).

NANCY. 8-paĝa faldprospekto pri la Lorena Ĉefurbo. Eldonita de Turisma Servo, 57 Strato St.-Jean, Nancy (Francio).

STEIERMARK. Ilustrita germanlingva prospekto kun aldono en Esperanto. Landesfremdenverkehrsamt - Graz, Herrengasse, 16, Steiermark (Aŭstrio).

SAN DIEGO. Turistoficejo, 924 2nd Avenuo, San Diego, (Calif.) Usono.

GENT, la florurbo. Urba Oficejo por Turismo. — Burgemeester Braunplein, 6 Gent (Belglando).

VIZITU SKANDINAVUJON! Det Forenede Dampskibs. Selskab A/S. Kopenhago (Danlando).

BONVENON AL OSLO. Vojaĝtrafika Asocio de Oslo. Informoj ĉe Norvega Esperanto Ligo, Boks 942. Oslo (Norvegio(



# JES!...



**Atentu bone, ke, krom diligenta kuriero de via kolektiva entuziasmo, mi estas publika heroldo de la hispana esperantismo, kies gradoj de fervoro ne nur per vortoj devas pasie sin manifesti, sed —pli pozitive— ankaŭ per malavara senhalta gutado de via daŭra oferemo. Ne forgesu, ne forgesu, ke plej kapabla bakisto neniel povas fari panon sen faruno; kaj, por liveri farunon, muelilo nepre bezonas da greno ian efektivan kvanton...**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a FEBRERO 1957)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 295 | Ptas. |
| F. Alsina - Barcelona | 50 | » |
| S. Alberich - Barcelona | 50 | » |
| S. Collado - Sama de Langreo | 50 | » |
| V. Ortiz - Tudela | 50 | » |
| M. Fernández - El Ferrol | 50 | » |
| J. Miró - Barcelona | 50 | » |
| X. X. - M. | 42 | » |
| M. Alamo - Valverde-Hierro | 40 | » |
| F. Abella - Barcelona | 25 | » |
| L. Sorribes - Tarrasa | 25 | » |
| E. Pérez - Valencia | 25 | » |
| J. Calahorra - Madrid | 25 | » |
| J. Maguregui - Bilbao | 25 | » |
| J. Rodríguez - Madrid | 25 | » |
| J. López - Cullera | 25 | » |
| J. Salvá - Caldas Estrach | 25 | » |
| P. Reyes - Santa Cruz Tenerife | 25 | » |
| V. Pérez - Santa Cruz Tenerife | 25 | » |
| J. Roig - Barcelona | 20 | » |
| G. Bosch - Valencia | 20 | » |
| Total | 967 | » |

*Esto se va animando; no está mal...*

## FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
### TESORERIA

Con este número del BOLETIN se envía la relación de contribuyentes para el fondo Pro-Administración. Cada nombre tiene dos números; al poseedor del que coincida con las dos cifras finales del sorteo de la Lotería Nacional, del día 25 de cada mes, se le gratificará con 250 pesetas.

El mecenazgo de estos cincuenta esperantistas permitirá el normal funcionamiento administrativo de la Federación durante todo el corriente año, pero confiamos que en el Congreso de Madrid se encontrará una fórmula más duradera, mediante un razonable aumento de las cuotas, que permita vencer las recientes dificultades económicas, creadas por el inevitable aumento de los gastos. Mientras tanto, el gesto generoso de estos amigos merece el cordial agradecimiento de todos.

## PARA CONOCIMIENTO PUBLICO

**A petición de parte interesada, aclaramos que de cuanto dimos cuenta en el Boletín de diciembre solo se refiere al «samideano» Francisco J. Arrán Vicens, sin que el Centro Comarcal Leridano tenga nada que ver en el asunto; siendo tan solo la conducta personal de ciertos señores lo que deja al movimiento esperantista en difícil situación ante Sociedades y Centros, que sienten simpatía y prestan cobijo a nuestras actividades.**

*Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio*



## VIVO SAMIDEANA

Al ges-anoj Martín Vallés kaj Dolores Pont, el Sabadell, naskiĝis la 20an de pasinta Januaro ĉarma filineto María Rosa. Ni sincere gratulas la gepatrojn kaj salute bonvenigas ŝin en niajn vicojn!

S-ro Jun-Ichi Osumi, juna komencanto, 3-3 Chitosecho Sumidaku - TOKIO (Japanio) deziras koresp. kun hispanaj esperantistoj.



PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

**RELACION** *de contribuyentes al Fondo Pro-Administración 1957 con indicación de los correspondientes «números de consolación».*

| Núm. | | Período | Nombre y apellidos | Población |
|---|---|---|---|---|
| 01 | 51 | Todo el año | Juan Bosch Fornals | Valencia |
| 02 | 52 | Todo el año | Juan Bosch Fornals | Valencia |
| 03 | 53 | Todo el año | Juan Bosch Fornals | Valencia |
| 04 | 54 | Todo el año | Casa Valencia | Barcelona |
| 05 | 55 | Todo el año | Conrado Berghänel | Barcelona |
| 06 | 56 | Todo el año | Eusebio Maynar Duplá | Zaragoza |
| 07 | 57 | Todo el año | Manuel Salom Fornals | Valencia |
| 08 | 58 | Todo el año | Ramón Molera Pedrals | Moyá |
| 09 | 59 | Todo el año | Francesc Vilá | Barcelona |
| 10 | 60 | Todo el año | Alfredo Villa Villa | Gijón |
| 11 | 61 | Todo el año | Miguel Arbona Oliver | Palma Mallorca |
| 12 | 62 | Todo el año | Francisco Alsina Plana | Barcelona |
| 13 | 63 | Semestre 1.º | Filiberto García Hurtado | Badalona |
| | | Semestre 2.º | José Saladrigas | Badalona |
| 14 | 64 | Todo el año | Darío Rodríguez López de Silva | Madrid |
| 15 | 65 | Todo el año | Elsa Wolff | Sta. Cruz Tenerife |
| 16 | 66 | Todo el año | Nigramonto Esperanto Grupo | Barcelona |
| 17 | 67 | Todo el año | Sección Esperanto de la | Sabadell |
| 18 | 68 | Todo el año | Cooperativa La Sabadellense | Sabadell |
| 19 | 69 | Todo el año | Roberto Maraury | Málaga |
| 20 | 70 | Todo el año | Juan Régulo Pérez | La Laguna |
| 21 | 71 | Todo el año | José Casanovas Genover | Gerona |
| 22 | 72 | Todo el año | Jaime Herp Sanmartí | Barcelona |
| 23 | 73 | enero-abril | Frank Helmuth | San Diego |
| | | mayo-agosto | Manuel Ruiz Maza | Madrid |
| | | sept.-dicbre. | José Quetglas Ramírez | Barcelona |
| 24 | 74 | enero-abril | Juan Figueres | S. Esteban de Bas |
| | | mayo-agosto | Juan Flaquer | Barcelona |
| | | sept.-dicbre. | Hispana Esp-Fervojista Asocio | Zaragoza |
| 25 | 75 | enero-abril | Fernando Fernández Méndez | Lugo |
| | | mayo-agosto | Francisco Abascal Fernández | Sevilla |
| | | sept.-dicbre. | José Casanovas Genover | Gerona |
| 26 | 76 | Todo el año | Luis A. Ramírez Teruel | Vera |
| 27 | 77 | Todo el año | Ernesto Tudela Flores | Valencia |
| 28 | 78 | Todo el año | Esperanto-Grupo | Moyá |
| 29 | 79 | Todo el año | Eugenio Lunate Pérez | Baracaldo |
| 30 | 80 | Todo el año | José Roberto Vivas Vivas | Sta. Cruz Tenerife |
| 31 | 81 | Todo el año | Angel Pombrol Hernández | La Laguna |
| 32 | 82 | Todo el año | Esperanto-Rondeto | Burjasot |
| 33 | 83 | Todo el año | Mariano Solá Monserrat | Tarrasa |
| 34 | 84 | Todo el año | Mariano Solá Monserrat | Tarrasa |
| 35 | 85 | Todo el año | Mariano Solá Monserrat | Tarrasa |
| 36 | 86 | Todo el año | Grupo Esperantista Universitario | Las Palmas |
| 37 | 87 | Todo el año | J. Ernesto Guillem Tarín | Valencia |

| Núm. | | Período | Nombre y apellidos | Población |
|---|---|---|---|---|
| 38 | 88 | Todo el año | Santiago Miquel Planas | Barcelona |
| 39 | 89 | Todo el año | Grupo Esperantista | Bilbao |
| 40 | 90 | enero-agosto | Grupo Esperantista | Bilbao |
| | | sept.-dicbre. | José Perogordo | Madrid |
| 41 | 91 | enero-abril | José Guio Fierro | Zaragoza |
| | | mayo-agosto | Nicomedes Ullar Margenat | S. Feliu Codinas |
| | | sept.-dicbre. | Rafael Gisbert García | Barcelona |
| 42 | 92 | Semestre 1.° | Luis Mimó Espinalt | Sabadell |
| | | Semestre 2.° | Antonio Criach Valls | Sabadell |
| 43 | 93 | Todo el año | Pedro Marqueta Roy | Zaragoza |
| 44 | 94 | Todo el año | Juan García Rigal | Valencia |
| 45 | 95 | Todo el año | Jaime Perarnau Ribera | Tarrasa |
| 46 | 96 | Todo el año | José López Plaza | Cullera |
| 47 | 97 | Todo el año | Luis Hernández Lahuerta | Valencia |
| 48 | 98 | Todo el año | Rafael Herrero Arroyo | Valencia |
| 49 | 99 | Todo el año | Rafael Herrero Arroyo | Valencia |
| 50 | 00 | Todo el año | Rafael Herrero Arroyo | Valencia |

## *RESUMEN*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Badalona | 2 de 150 | 300'— | ptas. |
| Baracaldo | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Barcelona | 7 de 300 | | |
| | 3 de 100 | 2.400'— | ” |
| Bilbao | 1 de 300 | | |
| | 2 de 100 | 500'— | ” |
| Burjasot | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Cullera | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Gerona | 1 de 300 | | |
| | 1 de 100 | 400'— | ” |
| Gijón | 1 de 300 | 300'— | ” |
| La Laguna | 2 de 300 | 600'— | ” |
| Las Palmas | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Lugo | 1 de 100 | 100'— | ” |
| Madrid | 1 de 300 | | |
| | 2 de 100 | 500'— | ” |
| Málaga | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Moyá | 2 de 300 | 600'— | ” |
| Palma de Mallorca | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Sabadell | 3 de 300 | 900'— | ” |
| San Diego | 1 de 100 | 100'— | ” |
| San Esteban de Bas | 1 de 100 | 100'— | ” |
| San Feliu de Codinas | 1 de 100 | 100'— | ” |
| Santa Cruz de Tenerife | 2 de 300 | 600'— | ” |
| Sevilla | 1 de 100 | 100'— | ” |
| Tarrasa | 4 de 300 | 1.200'— | ” |
| Valencia | 11 de 300 | 3.300'— | ” |
| Vera | 1 de 300 | 300'— | ” |
| Zaragoza | 2 de 300 | | |
| | 2 de 100 | 800'— | ” |
| | | 15.000'— | ptas. |